# Esperanto-Numismatika Asocio



**Esperanta Numismatiko** 2019 **Jarkolekto 6 - Numero 2**


*Quinten Matsys (1466 - 1530)*
*Monŝanĝisto kun sia edzino 1514*

# *E N H A V O T A B E L O*

## de aprilo 2019



***Honora membro: Hans Jankowski (1928-2018)***

Tajpado kaj paĝaranĝo: Vivienne Tudts
Provlegado: Jozefo Horvath
Kunlaborantaj redaktoroj: ĉu VI? Dankon!
Finredaktoro: Bert Boon

Kontakto: bert.boon@skynet.be
Retejo: **www.ena.frali.bplaced.net**
www.esperanto.es/biblioteko
www.kolektado.esperanto.cc

# *DE NI POR ... NI!*

La ĉarmoplena bildo sur la titolpaĝo, kreita de talentulo el la 15a - 16a jarcentoj, allogu vin, karaj membroj kaj aliaj legantoj, al trafoliumo, sekve al legado de minimume kelkaj paĝoj, prefere de plimulto da rubrikoj. Ĉu nia strategio por allogi vin sukcesus aŭ ne, ni povas nek aŭguri, nek konstati, nur esperi. Krome ni ege volas allogi vin al aktiva, foja kunlaboremo, ĉi-foje koncerne la aspekton de nia “enirejo”. Ĉu vi eble estas plastikema kreivul(in)o, aŭ ĉu vi havas ideo(j)n por la titolpaĝoj de la venontjara jarkolekto? Do ne hezitu krei proprajn bildojn rilate al numismatiko, aŭ proponu al nia redakcio viajn proprajn ideojn! Multan dankon!

Ankaŭ en 2019 jam kelkaj diverslandaj esperantistoj trovis la vojon al nia fakgrupo, kaj ni evidente esperas, ke je la fino de la jaro la nombro estos kreskinta de 114 nun, ĝis almenaŭ 120 membroj-abonantoj.

Hodiaŭ ni ankaŭ volas entuziasme heroldi al vi la kreon de la unua hejmpaĝo de nia ENA, kun retadreso: **ena.frali.bplaced.net**. Ni tutkore dankas nian unuan, propravolan retestron Frank Merla, germanan samideanon, kiu dume jam disponigis al nia membraro ĉiujn jam dissenditajn numerojn. Ni intencas foje-foje aldoni al nia hejmpaĝo raportojn pri pasintaj kaj okazontaj eventoj rilate al la numismatika kampo. Ankaŭ ĉiu el vi evidente rajtas “nutri’ nian hejmpaĝon per tekstoj kaj fotoj koncerne nian numismatikan projekton!

Koncerne niajn penojn persvadi la estrojn de la du venontaj Universalaj Kongresoj eldoni porokazan medalon, ni ricevis de la LKK de Lahti 2019 (Finnlando) la mesaĝon, ke domaĝe mankas al ili rimedoj kaj voluntuloj, malgraŭ iliaj bonvolo kaj estimo. La Loka Kongresa Komitato de Montrealo 2020 (Kanado) kontraŭe sendis la tre pozitivan konfirmon, ke la kreado de belega kongresa medalo estus en la antaŭlasta fazo de kreado (vidu la retpoŝton!).

Ni deziras al vi agrablan kaj fruktedonan legadon! Jen bona, jen malbona? Tuj heroldu al ni!

Medalo ankaŭ estas monumento,
memoraĵo kaj poemo,
la metala apogilo de
penso disvastigebla,
forportebla … La dialogo
del’ artisto kun pasintaj,
nuntempaj
kaj estontaj nekonatoj.

J. Devigne

Bert

## Tipo B 1 – Moneroj kaj medaloj kun esperanta(j) aldonaĵo(j)

(I.P.A.) Brabant 1957 - 1963







| | |
|---|---|
| Lando: Belgio | Kvanto: *serĉata* |
| Metalo: kupronikelo | Pezo: 64,80 g |
| Diametro: 60 mm | Medalisto: *serĉata* |
| Jaro: 1963 | Diko: 3 mm |

### *Averso:*

ĉirkaŭe: okpinta internacia polica stelo kun supre aperta (malkompleta) laŭrokrono
supre: 1957 – 1963
meze: provinca blazono kun nigra fono kaj flava provinca leono
sube: ruĝa rubando kun la geografia nomo: “BRABANT”

### *Reverso:*

ĉirkaŭe: okpinta stelo kun ambaŭflanke laŭrobranĉoj
meze: globo kun ĉirkaŭe duobla cirklo kun teksto:
“INTERNATIONALE (**tiel!**) POLICE ASSOCIATION”
sube: ruĝa rubando kun surteksto: “**SERVO PER AMIKECO**”

### *Rimarko1:*

Brabant: nomo de iama belga provinco. Ekde 1995 dividita en du apartaj provincoj kaj unu regiono: flandra Brabanto, valona Brabanto kaj la ĉefurba regiono Bruselo.

### *Rimarko 2:*

averse: ruĝa, nigra kaj flava estas la oficialaj koloroj de la belga flago.

## Tipo B 1 – Moneroj kaj medaloj kun esperanta(j) aldonaĵo(j)

I.P.A. Landesgruppe Baden-Württemberg






Lando: Germanio

Metalo: bronzo

Diametro: 47 mm

Jaro: <u>*serĉata*</u>

Kvanto: <u>*serĉata*</u>

Pezo: 33,60 g

Medalisto: <u>*serĉata*</u>

Diko: 3 mm

### *Averso:*

supre: I.P.A.
meze: LANDESGRUPPE BADEN - WÜRTTEMBERG
sube: du kruciĝintaj laŭrobranĉetoj kaj surteksto: "**SERVO PER AMIKECO**"

### *Reverso:*

ĉirkaŭe: laŭrokrono kun ses blazonetoj: <u>*klarigoj serĉataj*</u>*!*
meze: eta blazono de Baden-Württemberg

### *Rimarko1:*

la reverso estas kopio de la averso de alia pormeritula medalo "Heimatsmedaille des Landes Baden-Württemberg (= hejmomedalo de la regiono Badeno-Virtembergo)

### *Rimarko 2:*

averse: I.P.A. <u>*Landes*</u>*gruppe* = I.P.A.- grupo de la (sudgermana*)* *regiono* Badeno-Virtembergo



## Tipo B 1 – Moneroj kaj medaloj kun esperanta(j) aldonaĵo(j)

I.P.A. Section Française 1953-1978




| | |
|---|---|
| Lando: Francio | Kvanto: *serĉata* |
| Metalo: latuno nikelita | Pezo: 64,80 g |
| Diametro: 50 mm | Medalisto: *serĉata* |
| Jaro: 1978 | Diko: 3 mm |

### *Averso:*

rando kun cirkloforma foldeto
fone: 18-pinta stelo
sur ĝi: mapo de Francio; en la mezo duobla cirklo en malhelblua koloro kun angla (!)
surteksto: "INTERNATIONAL POLICE ASSOCIATION ★"
tutmeze: terglobo helblua (oceanoj) kaj arĝentkolora (kontinentoj)

### *Reverso:*

supre: ★ I.P.A. ★
meze: SECTION FRANÇAISE 1953·1978
sube: **"SERVO - PER - AMIKECO"**

### *Rimarko:*

streketoj inter la vortoj de la devizo estas nekutimaj kaj maloftaj

## Tipo B 1 – Moneroj kaj medaloj kun esperanta(j) aldonaĵo(j)

I.P.A. Kontaktstelle Memmingen







Lando: Germanio

Kvanto: serĉata

Metalo: serĉata

Pezo: 52,60 g

Mezuroj: 57 x 57 mm

Medalisto: serĉata

Jaro: serĉata

Diko: 2 mm

### *Averso:*

brila rando, malbrila medalfiguro
flanke: malkompleta laŭrokrono
supre: I.P.A.
sube: en rubando **"SERVO PER AMIKECO"**
meze: okpinta stelo kaj en ĝi kartuŝo kun bildo de la I.P.A.-domo (hejmo) en Memmingen
sub ĝi: IPA HEIM

### *Reverso:*

malbrila flanko: I.P.A.
Kontaktstelle
Memmingen

### *Rimarko 1:*

Heim = germana por hejmo, domo
Kontaktstelle = kontaktejo, kunvenejo

### *Rimarko 2:*

Vidu mapeton



## Tipo B 1 – Moneroj kaj medaloj kun esperanta(j) aldonaĵo(j)

Sherlock Holmes Trophy







| | |
|---|---|
| Lando: Germanio | Kvanto: *serĉata* |
| Metalo: *serĉata* / orkolora | Pezo: 33,75 g |
| Diametro: 50 mm | Medalisto:*serĉata* |
| Jaro: *serĉata* | Diko: 1,50 mm |

### *Averso:*

flanke: ambaŭflanke ornamaĵo kaj malkompleta laŭrokrono
supre: SHERLOCK HOLMES TROPHY
sube: rubando kun **"SERVO PER AMIKECO"**
meze: okpinta stelo kaj en ĝi kartuŝo kun globo kaj angla teksto: INTERNATIONAL POLICE ASSOCIATION✫

### [*Reverso:*]

CARL POELLATH
SCHROBENHAUSEN

### *Rimarko 1:*

la famega moner- kaj medalfarejo Carl Poellath estis fondita en 1778, sed la aktuala administrantaro ne povas (volas?) doni pliajn informojn pri la (nuntempa) medalo…

### *Rimarko 2:*

trophy= angla por "premio"

## Budapeŝta Medicina Esperanto-Fakgrupo 50-jara!




Diplomo kaj medalo de la UMEA Shinoda-Premio 2001 al BMEF




Ses esperantaj medaloj kaj aliaj memoraĵoj emisiitaj de BMEF

# P O R   S P U R E M U L O J !

*En la arkivoj de ENA troviĝas diversaj fotoj kaj bildoj de esperantaj numismatikaĵoj, pri kiuj ni scias ĝis hodiaŭ preskaŭ nenion.*

**10a enigmo**




Jen tute nova enigmo! Kvar pagbiletoj el la jaro 1923. La du pli supraj estas oficialaj monbiletoj el Germanio, ambaŭ emisiitaj en Berlino. La du aliaj estas krizaj monbiletoj, respektive (neoficiale) enkursigitaj en la germanaj urboj Biendorfo kaj Nurenbergo.

Sur ĉiu bileto ambaŭflanke troviĝas minimume unu malhelblua **esperanta stampo** kaj la samkolora manstampita vorto "ESPERANTO" .

Ĉu ili eble estis uzataj en esperantaj rondoj dum la ekonomia krizo en Germanio inter la du mondmilitoj, aŭ ĉu ili estis porokazaj reklamiloj pro la tiama senvaloro de tiuj monbiletoj?

# *M E D A L I S T O J*

## 16. Roman Jaroslavoviĉ Ĉajkovskij (°1962)

***Foto serĉata***

Roman naskiĝis en Ukrainio,la 20an de junio1962, en Borislav, urbo en la regiono Lviv. Li finstudis en la Ukrainia Akademio de Arto en 1992. Postlernada Studo UAM (1995) ĉe fakuloj, profesoroj kiel V. Borisenko, V. Borodaj, V. Ŝvecov.

Kiel skulptisto kaj medalisto li kreis diversajn famajn verkojn:




- moneron "Nacia Muzika Akademio de Ukainio" (2013),
- skulptaĵon "Kometo Halo" (1998),
- medalon "Anna Jaroslavna" (1999),
- moneron "Kristnasko" (2000),
- skulptaĵon "Themis" (2001),
- skulptaĵon "Nova Vergilio" (1997).

Membro de Nacia Unio de Artistoj en Ukrainio.




Esperanta medalo de Ĉajkovskij, priskribita en jarkolekto 6, n-ro 1, p. 13

# *A S P E K T O J   D E   N U M I S M A T I K O*

## Oficialaj distingoj por doktoro Zamenhof (1)

### A. Speciala numismatika branĉo

*Faleristiko*, t.e. kolektado kaj priskribo de honoraj medaloj, ordenoj kaj krucoj estas speciala branĉo de numismatiko. Kolektado de militaj distingoj kaj eble samtempe de civilaj distingoj montras larĝan kolektokampon. Novbakita kolektanto jam komence decidu, kiun parton, do kiun subbranĉon li volas kolekti. Do, kial ne kolekti laŭteme, ekzemple pri Esperanto, por limigi la kolektokampon?

Por pli klara trarigardo de tiu speciala numismatika branĉo jen klasifiksistemo de ambaŭ specoj de distingoj laŭ branĉoj kaj subbranĉoj.

Ĝenerale oni klasifikas distingojn en du fundamentaj grupoj:

1. militaj distingoj
2. civilaj distingoj

1. Militaj distingoj estas klasifikataj tiel:

a. militaj ordenoj (subbranĉoj laŭ gradoj)
b. militaj krucoj (laŭ gradoj, ankaŭ laŭ metaloj)
c. militaj medaloj (nur laŭ metaloj)
d. militaj honorsignoj
e. militaj plakaĵoj, memorigaj medaloj kaj rubandoj

2. Civilaj distingoj tiel:

a. civilaj ordenoj (subbranĉoj laŭ gradoj)
b. civilaj krucoj (laŭ gradoj, ankaŭ laŭ metaloj)
c. civilaj medaloj (nur laŭ metaloj)
d. civilaj distingoj de diversaj organizoj kaj servoj: skoltaj, sportaj, ĉasistaj, pafistaj, de Ruĝa Kruco, savkorpusoj, ktp.
e. civilaj medaloj-plakaĵoj pro merito rilate al ekspozicioj, komerco, metioj, agrikulturo, bestbredado, florkulturado ktp.

Speciala ĉarmo por kolektantoj de distingoj estas la serĉado kaj esplorado de literaturo pri tiu temo. Ĝi estas ofte malfacile trovebla kaj preskaŭ ĉiam nekompleta. Je dispono por studado oni tamen havas diversajn leksikonojn, memorlibrojn, enciklopediojn, fotojn, alispecajn dokumentojn kaj … Interreton.

Distingoj meritas honoran lokon en vitrokesto, sed nur se oni scias, el kiu lando ili devenas, kiam ili estis kreitaj kaj por kiaj meritoj ili estis donitaj. Specialan valoron ili ricevas, se ankaŭ la persono kiu meritis kaj surhavis ilin estas konata, kiel…nia Zamenhof!

## B. La distingoj de Zamenhof

Militaj distingoj probable ne sed civilaj distingoj, donitaj al esperantistaj merituloj, certe ekzistas, sed ĝis nun ili tre verŝajne ne estis katalogitaj aŭ studitaj aparte. Ne-esperantaj civilaj distingoj, omaĝaj ankaŭ al esperantistoj, tamen havu lokon en la esperantaj historio kaj numismatiko.

Tian grandan honoron doktoro Zamenhof ĝuis dufoje! Kelkaj eŭropaj ŝtatoj konsideris liajn meritojn kiel humanisto same altaj kiel la fakton, ke li estas la iniciatinto de Esperanto.

La unuan distingon pro meritoj favore al la homaro li ricevis en Francio. En 1905, la jaro de la unua Universala Kongreso en Boulogne-sur-Mer, li estis premiito de la franca ŝtato kaj ricevis la altan distingon:

“Kavaliro de la Honora Legio de Francio”.

Strange tamen, ke lia nomo ne troviĝas en la oficiala listo de distingitoj, laŭdire pro politika kontraŭstaro de la tiama Rusio…



Foto de la originala zamenhofa distingo, konservata en la Esperanto-muzeo en Vieno.
Sur la foto la rubandeto ŝajne aspektas purpura anstataŭ ruĝa!








Lando: Francio
Mezuroj: 43 mm x 63 mm
(sen la pendoringo)

Metalo: arĝento
Pezo: 26,7 g

***Averso:***

Ruĝa estas la oficiala, kutima koloro de ĉiuj distingoj de la kategorio “Kavaliro de la Honora Legio de Francio”, kvankam la zamenhofa ekzemplero en la Esperanto-muzeo en Vieno ŝajnas purpurkolora.

Inter la pendoringo kaj la kruco troviĝas laŭrokrono. La kruco konsistas el kvin blankaj emajlitaj “brakoj” kun po du pintoj, sur kiuj troviĝas oraj kugletoj. Ĉirkaŭ la brakoj oni vidas orajn randojn. Inter la brakoj kverkecajn branĉetojn.

Meze estas medaliono kun ĉirkaŭa teksto “République Française 1870” kaj dekstrena ora profilo de la romia diino Ceres (Demeter ĉe la Grekoj), la diino de grenkulturo kaj agrikulturo.

***Reverso:***

Samaspekta, sed kun alia medaliono, kun du krucitaj francaj flagetoj kaj ĉirkaŭa teksto “Honneur et Patrie” (honoro kaj patrujo).

***Rimarko 1:***

De la distingo “Kavaliro …” ekzistas en la historio diversaj tipoj. La zamenhofa (donita en 1905) apartenas al la tipo de la t.n. “Tria Respubliko” (1870-1940).

***Rimarko 2:***

Mezuroj kaj pezo (maso) estas ofte malsamaj, depende de la farejo. Foje ili ne estas arĝentaj sed arĝentitaj, aŭ en oritaj ĉipaj metaloj anstataŭ en orita arĝento. Tamen dum la Tria Respubliko la granda plimulto estis arĝenta aŭ en orita arĝento.

Daŭrigota

# *H I S T O R I A J   A S P E K T O J*

# Esperanta numismatiko en uniformo

## A. Policistoj

### 1. Esperanto kiel armilo kontraŭ la internacia krimularo

Post la unua mondmilito la “senlima” lingvo Esperanto estis konsiderata kiel grava helpilo por Eŭropo en la batalado kontraŭ la same senlima krimularo!



Ágoston Marich

En Hungario ĉefinspektoro Ágoston Marich [mariĉ] (1883-1955) fondis en 1908 la internacian polican fakgazeton *Polica Revuo*. Tiu pioniro, prave konsiderata kiel unu el la plej gravaj Esperanto-kolektintoj, sukcesis unuafoje en la historio de la movado kunigi izolulojn en unueca organizo.

En 1911, i.a. la jaro de la sesa Universala Kongreso en Antverpeno, la prezidanto de Polica Klubo Esperantista de Parizo, A. Miguière kaj ĝia sekretario E.Tison, ambaŭ policinspektoroj, fondis la **Internacian Esperantistan Polican Asocion** kaj eldonis la revuon *Internacia Polica Bulteno*. Samjare, probable okaze de la UK, en Antverpeno fondiĝis la **Esperantista Polica Asocio**, kiu tamen ne etendiĝis al aliaj landoj. La “Granda Milito” (1914-1918) ĉesigis ambaŭ unuiĝojn…



Grupo de esperantistoj-policistoj dum la UK en Dresdeno, 1908




Antverpenaj policanoj esperantistaj dum la UK en 1911

En 1922 Marich ekeldonis en Budapeŝto la novan revuon *La Policisto*. Dum la UK en Nurenbergo (Germanio) en 1923 policistoj el ses landoj fondis la **Tutmondan Polican Ligon** (TPL) laŭ iniciato de Marich. Jam en la sama jaro aliĝis 178 grupoj el diversaj landoj. Ĝia slogano iĝis **“<u>SERVO PER AMIKECO</u>!** Dum la dua milito ĉiuj spuroj de TPL malaperis. Ĝenerala direktoro Marich iom post iom agadis tute memvole kaj fondis pliajn profesiajn ligojn por unuigi ilin kun la anoj de TPL en **Tutmonda Ligo de la Ordo**. Tiel li kaŭzis kompletan ĥaoson, kaj tial la revuo aperis neregule kaj fine malaperis en 1928. En Nederlando li sekve en 1930 ekeldonis la revuon *La Policisto* mimeografite, ŝajnigante interkonsenton de

la ligaro. Nur per helpo de **Internacia Centra Komitato** (ICK) kaj **Universala Esperanto-Asocio** (UEA) la reorganizado de la asocio poiome sukcesetis.

Ĝia vicprezidanto P. Beier k.a. alvokis la anojn de TPL fondi novan, pli bonan ligon. Tiel oni konsternite konstatis, ke la plimulto de la 2000 (!) anoj nur ekzistis sur papero. Tamen, 50 veraj membroj el Leipzig [lajpziĥ] (Germanio), fondis novan asocion, nome **Internacian Polican Ligon** (IPL), efektive fondita en Dresdeno en 1930. IPL interkonsentis kun UEA pri reciprokaj helpo kaj subteno.

Post la unua mondmilito multaj magistratoj kaj registaroj interesiĝis pri Esperanto kiel helpolingvo por la internacia polico. Specialaj kursoj por policistoj estis organizataj en pli ol 20 eŭropaj urboj kaj eĉ en la japana urbo Ocu, inter 1907 (Stokholmo) kaj 1930-1931 (i.a. Antverpeno). En 1923, 1924 kaj 1926 la sakslanda (Germanio) ministerio de interno pagis esperanto-kursojn el ŝtata kaso en Leipzig kaj en ĝendarmaj stacioj de Arnsdorf kaj Rodewisch, sub la kondiĉo, ke la kursa partopreno estu deĵora devo. En 1927 la ŝtata policadministracio aplikigis ankaŭ por esperantistoj ekzistantan ekzamenregularon por fremdlingvaj lernantoj. En 1930 en Berlino la policprezidanto disponigis por tri Cseh-kursoj kun pli ol 200 policistoj senkostan instruejon. Ĉiujn elspezojn por instruado pagis la prusa ministerio de interno. Diversaj ministerioj dekretis, ke esperantistaj policistoj post sukcesa ekzameno rajtas surhavi **Esperanto-insignon**.

La policfaka gazeto *Internacia Polica Bulteno*, kiu jam aperis de 1911 ĝis 1914 kiel organo de IPEA, reviviĝis en 1928, aperanta kiel monata polica fakrevuo kaj oficiala organo de IPL. En 1933 administranta redaktoro de la gazeto estis s-ro Schwartz, "Inspecteur de police spéciale" el Strasburgo-Majnaŭ, Francio.

Ni konstatas, ke ĝis hodiaŭ nur ununura tipo de polica medalo estas konata. Ĝi estis enmanigita al kunlaborintaj individuoj kaj al grupoj kies anoj lernis Esperanton okaze de la 20a UK en Antverpeno. Ĉiu medalo estas unikaĵo pro la poste gravuritaj personaj aŭ grupaj nomoj.



Esperantista sekcio de la "13e Colonial" en Antananarivo(Madagaskaro)


Vienaj policistoj kun Klara Zamenhof dum laUK 1924

# Du unikaj policaj UK-medaloj el 1928!










MUZIKSEKCIO DE POLITIEVERBROEDERING DE ANTVERPENO










ANTVERPENA POLICA GRUPO ESPERANTISTA

Daŭrigota

# *T E R M I N A R O*

## *Alfabeta listo (17)*

**Bankasigno:** *skriba komisio kaj rajtigo al banko pagi, por la konto de la komisiinto, al la montrita persono difinitan sumon, skribitan en la dokumento.*

**Cizeli:** *fajne retuŝi aŭ finpretigi bronzan, arĝentan aŭ oran artobjektojn de relative malgrandaj dimensioj.*

**Deflacio:** *malplimultiĝo de la papermona kvanto en cirkulado.*

**Devaluto:** *redukto, laŭ registara dekreto, de la oficiala valoro de la propra valoro je difinita procento.*

**Eksonumio:** *objekto, kiu je la unua rigardo aspektas kiel pagilo. Ne temas pri medaloj, ĵetonoj k.a. Fakte temas nur pri: gasĵetonoj, telefon- kaj aŭtomatĵetonoj, kiuj ne havas pagvaloron, sed kiuj estas pruviloj de pagado. Tio ankaŭ koncernas biletojn, kiuj aspektas kiel monbiletoj. La nuntempaj registaroj severe malpermesas tiajn biletojn.*

**Elkursigi:** *nuligi la emision de moneroj aŭ monbiletoj.*

**Emajli:** *tegi per vitrosimila diverskolora substanco, per kiu oni kovras artobjektojn, potojn, fajencojn kaj metalojn per bakado je alta temperaturo.*

**Enkursigi:** *meti en cirkuladon monerojn kaj monbiletojn.*

**Fandi:** *produkti medalojn per likvigo de metaloj en formujo.*

**Fantaziaĵo:** *numismatikaĵo, kiu ŝajnas esti pagilo (metala aŭ papera), sed kiu post plia konsidero montriĝas esti "emisiita" de nerajtigita instanco, do ne destinata al moncirkulado.* Rimarko: *esperantaj spesmiloj kaj steloj ne vere estas fantaziaĵoj, ĉar ili estis destinataj al cirkulado en medioj de esperantistoj kaj inter esperantistoj kaj ne-esperantistoj (komercistoj ktp). Por tiaj valutoj oni prefere uzu la terminon "helpomono", ĉar tio vere estis la funkcio de tiuj pagiloj. Esperanto (la lingvo) ne estas fantazia lingvo, ne-oficiala certe, tamen efika komunikilo por mondvasta uzo inter esperantistoj: "Unu mondo, unu lingvo, unu mono".*

**Fonkampo:** *liberaj spacoj kaj plataj surfacoj sur monero aŭ medalo.*

**Gisi:** *fandi feron.*

**Grifelo:** *pinta ŝtala ileto, oblikve tranĉita ĉe unu el siaj ekstremaĵoj, kiun gravuristo uzas por desegni sur metalplaton aŭ por profundigi la konturojn aŭ detalojn de monfiguro.*

**Inflacio:** *ekonomia malekvilibro, karakterizita de ĝenerala plialtiĝo de la prezoj kaj atribuata jen al troa plimultiĝo de la papermona kvanto en cirkulado, jen al daŭra maladaptiĝo de la totalaj propono kaj postulo.*

**Ingoto:** *briko el metalo, precipe ora, arĝenta aŭ ŝtala.*

**Katalogo-valoro:** *diversaj valoroj laŭ konserviteco de moneroj aŭ medaloj, surbaze de ĝeneralaj prezoj en la merkato.*

**Kolekto:** *aro de kolektitaj, kunmetitaj objektoj.*

**Konserviteco:** *stato de konservado de malnovaj aŭ difektitaj artobjektoj kiel moneroj kaj medaloj.*

**Korodo:** *kemia difekto de la surfaco de metalaj medaloj aŭ moneroj, ofte sub influo de oksigeno.*

**Kreditkarto (plasta mono):** *pagokarto por butikumi sen uzo de kontanta mono. Post uzo la posedanto pagos poste, kontraŭe al aliaj pagokartoj kiel la debeta karto. En tiu kazo la kliento tuj perdas la sumon de sia konto.*

**Metalbendo:** *metala rubando, el kiu estas fortruigataj disketoj, uzataj por stampi monerojn. Pasintece oni uzis metaltondilon, nuntempe maŝinoj eltranĉpuŝas la disketojn.*

**Muldi:** *reprodukti en formujo.*

**Neenkursigita:** *neniam uzita kiel monero, en nova stato.*

**Nemetalismo:** *termino de la monteorio, surbaze de papera monnormo la monvaloro ne plu dependas de la interna valoro de la noblaj metaloj en moneroj. Valida en ĉiuj landoj ekde 1930.*

**Novfando:** *reproduktado de malnova medalo per refando.*

**Novprego:** *reproduktado de malnova monero aŭ medalo per repregado.*

**Obligacio:** *valorpapero, donata kiel signo de pruntedonita monsumo, naskanta fiksan rentumon kaj repagebla laŭ antaŭfiksitaj reguloj.*

**Plusskribo:** *aparta teksto sur monero, kiu kutime aldonas informojn kaj ne apartenas al la ĉirkaŭskribo, surskribo aŭ randskribo. Foje ĝi enhavas informojn pri la bildo, nomo de la projektisto aŭ de la monfarejo.*

**Pregi***: doni definitivan formon al metalpeco, premante ĝin, sub forta martela aŭ maŝina prem(ad)o, inter la du partoj de speciala muldilo, la patrico kaj la matrico.*

**Skrapi:** *hazarde aŭ intence forigi partetojn el la supraĵo de moneroj aŭ medaloj.*

**Spintrio:** *ĵetono kun erotika sceno por rekompenci ĉiesulinojn en bordeloj de la antikva Romo.*

**Stampi:** *fari kavan aŭ reliefan markon sur metala disko, farante medalon aŭ moneron, frapante per gravurita matrico.*

# *N U M I S M A T I K A   F O R U M O*

# Ĉu oni reviziu la spesmilon?

Terry Watts

## La spesmilo reviziata (2)

En antaŭa artikolo mi klarigis, ke la valoro de la spesmilo (la Esperanto-mono, kiu antaŭis la stelon) estis difinita pere de oro, kaj ke ĝi egalis al dekono de la brita or-suvereno (do ekvivalento de 0,7322 gramoj da oro). Mi ankaŭ montris kiel (kontraste al la pundo) la spesmilo ŝajne bone tenis sian valoron dum la lastaj 110 jaroj.

Nun mi esploros, kiel la esperantistoj povus revivigi la spesmilon.

La evidenta problemo kun la kreo de nuna spesmila monero el 22-karata oro, estas ke pro la nuna prezo de oro (dum mi skribas) plialtiĝas de pli ol £30 por gramo.

1. la valoro de la spesmilo estus iom tro granda por malgrandaj aĉetoj;
2. la monero estus tre malgranda (des pli se temus pri spescentaj aŭ spesdekaj moneroj).*

Kompreneble oni povus uzi multe pli malfajnan gradon de oro por elstampi la monerojn, sed tio ne senvalidigas objekton kaj cetere faciligus la falsadon. La preskaŭ unika denseco de pura (aŭ preskaŭ pura) oro havas la sekvon, ke moneroj falsataj el alia metaloj (kun maldika tegaĵo de oro) tre klare ne havas la ĝustan pezon, se la dikeco kaj diametro konvenas, aŭ estas tro dikaj, se ili havas la ĝustan pezon.

Do kiel konservi la or-difinon de la valoro kaj samtempe sekurigi fidon pri la valoro de la spesmilo, se la moneroj estas faritaj el vulgaraj metaloj aŭ alojoj?

Du aferoj devas esti veraj:

1. la eldonanto **neniam** devas eldoni al la publiko pli da spesmiloj, spescentoj, spesdekoj, ktp (ĉu en monera aŭ bileta formo), ol ĝi tenas en or-ekvivalento.
2. la eldonanto devas **ĉiam** esti preta akcepti la speson kaj redoni la respondan valoron en oro (se ne per fizika oro, tiam en or-ekvivalento en specifa valuto).

Parenteze, estus bona ideo, ke ĉiu spesa mono havu tekston indikantan la or-ekvivalenton. Ekzemple, 1-spesa bileto devus surhavi ‘valoras 0,0007322 gramojn da oro’.

Ĉu la eldonanto devas teni sian tutan havaĵon en fizika oro? Principe ne.

Kompreneble, por reaĉeti etajn sumojn en spesoj estus praktike, ke la eldonanto tenu certan proporcion de sia havaĵo en konvencia mono – oni ne volus segi en pecojn iun or-enhavan moneron. Sed, la ne-ora havaĵo, kiu estas en ‘konvencia valuto’, devus esti pliigita, se la prezo de oro en tiu valuto kreskas (por ke la or-ekvivalento restu konstanta).

Dum la prezo de oro en tiu aŭ alia valuto povas varii, la prezo de oro en spesmiloj restas (laŭ-difine) senŝanĝa. La speso-eldonanto povas larĝe ignori tiujn variojn. Saĝe estus tamen, ke tiu ĉiam havu sufiĉe da fizika oro, por kovri la verŝajnan konverto-postulon (reaĉetoj de la speso).

Por garantii (far la uzantoj de la speso) la plej grandan fidon al la eldonanto, tiu devus regule publikigi sian bilancon. Tiu prenus la jenan formon:

**aktivo (havoj)**: or-ekvivalento de ĝiaj tenaĵoj, esprimataj en spesmiloj (kio eventuale inkluzivus monsumojn en konvenciaj valutoj sed konvertitaj laŭ la prezo de oro en tiuj valutoj al spesmiloj)**.

**pasivo (ŝuldoj):** la totalo de ĉiuj biletoj kaj moneroj eldonitaj, ankaŭ esprimitaj en spesmiloj.

Rilate la naciajn valutojn oni alkutimiĝis al la ideo, ke la kreo de mono estas regata de nur unu instanco (tipe de la Centra Banko de la koncerna lando). Sed historie ne ĉiam estis tiel.

Kaj rilate la spesmilon, oni povus argumenti, ke estus avantaĝe, ke estu pluraj speso-eldonantaj instancoj. Tio certe lubrikus reaĉetojn de la speso, kondiĉe ke ekzistas interkonsento pri la reaĉetoj de la speso sendepende de la originala eldonejo.

Tio eblas principe, ĉar ĉiu speso, kie ajn eldonita en la mondo, valoras (laŭ-difine) la saman pezon de oro.

En la praktiko kredeble malmultaj uzantoj de la speso volus konverti ĝin (speciale tiuj en landoj kun malfortaj valutoj), kaj kontente tenus konsiderante, ke en mondo de flosantaj valutoj la speso almenaŭ pli-malpli konservos sian valoron (kaj ke tiu lasta eĉ povus kreski).

Restas esplori la rilaton inter la stelo kaj la spesmilo (sur kiu bazo estu fiksita la kurzo), la fizikan formon de la spesaj moneroj kaj biletoj (kaj kiel protekti ĝin kontraŭ falsado). Sed tiujn temojn mi atendigos ĝis la venonta artikolo.

---

* La suvereno, kiu entenas 7.322 g da oro (dekoble la or-ekvivalenton de spesmilo) havas diametron de 22.05 mm kaj dikecon de 1.52mm.

** Ekzemple, se la eldonanto tenas 1 duon-suverenon; unu ringon (en 9-karata oro), pezantan 2 g; 5 dek-eŭro-biletojn, tiam la totalo de ĝia tenaĵo, kiu aperus sub aktivo estus: Sm 5 (laŭdifine, por la duon-suvereno); Sm 1.0243 (la pezo de pura oro (2x 9/24 g) en la ringo, dividita per 0,7322);Sm 1.9851 (la tiama oraĉetpovo de 50 eŭroj en gramoj dividita per .7322).   Totalo: Sm 8.0094.

Por ke oni fidu la eldonanton, tiu totalo estu la maksimuma eldonpovo, kiel ajn la mono estos eldonata (en spesmiloj, spescentoj, spesdekoj aŭ spesoj).

Daŭrigota

NIA HISTORIO

# Strebo al universalaj mondo, lingvo kaj mono

de Davide Astori

Kvara filo de Henri, René de Saussure (Ĝenevo, 17.3.1868 - Berno 2.12.1943), frato de la pli fama Ferdinand, tiu "patro" de la moderna lingvistiko pri kiu ni skribis en ĉi tiu revuo[1] okaze de la cent jaroj post la apero de la fama *Cours de linguistique générale*, post la abiturientiĝo ĉe la pariza liceo Sainte-Barne en 1886, doktoriĝas pri filozofio kaj matematiko ĉe la Politekniko de la franca ĉefurbo kaj ĉe John Hopkins University en Baltimoro, instruonte komence kiel eksterorda profesoro pri matematiko ĉe la katolika universitato de Vaŝingtono (1895-1898) kaj, ekde 1904, ĉe la universitato de Ĝenevo. En 1913, li transloĝiĝas al Berno, ĉe kies universitato li instruas geometrion de 1920 ĝis la demisio en 1925.

René komencis okupiĝi pli serioze pri planlingvoj en 1906, jaro de la dua Universala Kongreso de Esperanto, disvolviĝinta en la naskiĝurbo. Dum, unuflanke, li analizis la kategoriojn kaj la logikon de la vortformado en *Lingvo Internacia*,[2] paralele ekde 1907 (sub la pseŭdonimo Antido), li eniris la debaton pri reformoj de la lingvo zamenhofa, ĝis li estos eksigita el la Akademio de Esperanto. Jen mallonge resumita lia esperantista kariero laŭ la vortoj, ĝis la rompo kun Esperantio.

*En 1906, kiel vicprezidanto de Ĝeneva Esperantista Grupo, René de Saussure malfermis kaj direktis Internacian Sciencan Oficejon Esperantistan en Ĝenevo (strato Bovy-Lysberg 8), kie estis redaktata kaj administrata* Internacia Scienca Revuo. *Hector Hodler (1887-1920) kaj Edmond Privat (1889-1962), la fondontoj de UEA, fariĝis liaj kunlaborantoj. Lia redaktejo servis samtempe kiel unua oficejo de UEA, ludonita de Saussure (en aŭtuno 1909 la oficejo translokiĝis al strato Bourse 10, kie UEA okupis la ĉefan spacon). Kiel membro de AdE, Saussure gvidis la sekcion pri vortfarado (1911-19) kaj pri teknika vortaro (1912). Krome, li kunfondis, sekretariis kaj direktoris Internacian Sciencan Asocion Esperantistan (ISAE)*

[1] D. Astori: *De Saussure kaj liaj interesoj por la internaciaj helplingvoj,* en *Literatura Foiro* 283 (j. 47, okt. 2016), pp. 264-297.

[2] Artikoloj kunigotaj en R. de Saussure: *La construction logique des mots en Espéranto.* Genève - UEL, 1910.

[3] Andreas Künzli: *René de Saussure (1868-1943) – Tragika sed grava esperantologo kaj interlingvisto el Svislando,* en S. Fiedler - L. Haitao (red.): *Studoj pri interlingvistiko. Festlibro omaĝe al la 60-jariĝo de DetlevBlanke / Studien zur Interlingvistik. Festschrift für Detlev Blanke zum 60. Geburtstag,* Dobrichovice 2001 (biteldono de Liu Haitao: http://esperantic.org/librejo/studoj/index.htm).

294 *Literatura Foiro 295 - oktobro 2018*

*en Ĝenevo, kiu havis pli ol 800 membrojn. Li vic-prezidis la 9an UK (Berno 1913), prezidis ĝian akceptan komitaton kaj kongresparoladis anstataŭ kaj nome de L. L. Zamenhof.*

*Li kunlaboris kun diversaj gazetoj:* Tra la Mondo, La Revuo, Esperanto, Oficiala Gazeto *(de la Lingva Komitato kaj de la Konstanta Kongresa Komitato),* Esperanta evoluo, Literatura Almanako *(Paris 1909-10) kaj mem ĉefredaktis du aliajn:* Internacia Scienca Revuo *(1907-10) kaj* Svisa Espero *(1909-10 kaj 1916-18).*

*La kostojn kaj la deficiton de ĉi-lasta periodaĵo li mem transprenis. En 1918-19, li redaktis* Teknika Revuo *(kiun li relanĉis en 1925, aplikante reformitan ortografion). En 1908-09, li prezidis Svisan Esperanto-Societon, kiu en 1911 nomis lin honora membro. Krome, en 1907-14 li elpensis kaj proponis la internacian monsistemon* Spesmilo *(antaŭmilite uzatan ĉefe de la Ĉekbanko Esperantista, bonvenigitan de la 3a UK en Kembriĝo, 1907) kaj sugestis universalan kalendaron. Li ĉeestis la UKojn en Dresdeno (1908), Barcelono (1909) kaj Antverpeno (1911) kaj propagandis esperanton ankaŭ inter oficiroj de la svisa armeo.*[3]

La agado de René de Saussure, ankaŭ pro lia eldona produktemo, havis tuj vastan resonon en la esperantista mondo, tiel ke Kálmán Kalocsay dediĉos al li faman rondelon:

*Saussure - la pura, klara Mens'*
*La projektinto, projektonto.*
*Trabrilis, kvazaŭ lumofonto*
*La vortstrukturon lia Lens'.*

*Ascendis el vort-arba dens'*
*Kiel la av' al Blanka Monto*
*Saussure - la pura, klara Mens'*
*La projektinto, projektonto.*

*Ne senmerita la incens'!*
*Al tre nebula horizonto*
*Pluiris li, sed post renkonto*
*La nia restis lia Pens'!*
*Saussure - la pura, klara Mens'.*

Indika pri tiu bezono de universaleco (en tiu pensofluo de baza tutmondiĝo kiu markis la historion de la komenco de la dudeka jarcento) kaj pli ĝenerale de tiu sensivo pri la historia kaj kultura medio, kiu situas baze de la profunda intereso por la difino kaj la valoro de iu "internacia lingvo", kiu, ekde la letero de Kartezio de la 20a de novembro 1629, en la evoluo de du jarcentoj da meditoj kaj projektoj kiu kondukis al la zamenhofa propono, estas la projekto, unua en sia speco, pri internacia monunuo, tiu *spesmilo* de kiu René estis la proponanto kaj kiun li pravigos[4] substrekante la fakton, ke la ideo venis al li jam en 1906,[5] ĝuste ĉe legado de esperantistaj gazetoj, kaj poste li proponis *la adopton de unu monunuo fikcia* por povi *indiki la prezon en ĉiuj esperantistaj gazetoj pere de ununura monunuo, kies ŝanĝon kun la monunuo de sia lando ĉiu konos*, kaj konkludante:

[4] R. de Saussure: *La monnaie internationale*, en *Revue suisse de numismatique / Schweizerische numismatische Rundschau* 19 (1914), pp. 306-314.

[5] R. de Saussure: *Pri la internacia helpa mono*, en *Internacia Scienca Revuo*, n-ro 5, 1908, pp. 84-86.

*Tiamaniere la uzado de unu helpa mono internacia disvastiĝos samtempe kun la disvastiĝo de la internacia helplingvo.*

Ateste pri la videblo de tia propono, inter la famaj *Karikaturaj bildkartoj*, kiujn pentristo Jean Robert produktis en 1920, laŭ komisio de Alice-Léontine Fargues, kiu en 1910 fondis la "Esperantistan Hejmon" malferman al ĉiuj movadanoj, estas unu dediĉita ĝuste al René, kun la kapo en la formo de tiu monero, zorganta miksi esperantajn vortojn kun fungoj, radikoj, kaj trinkaĵoj diversaj.

Sub la ĉefvorto "unuformiĝo", en majo 1907 Saussure publikigis la projekton[5] kiun li estis jam prezentinta al la dua Universala Kongreso en Ĝenevo (28.8-2.9.1906), pri la spesmilo, internacia monunuo egalvalora (en la tempo de la kreiĝo) al mil *spesoj* kaj kun la valoro de 0,733 gramoj da pura oro (0,8 gramoj je 22 karatoj; 0,02356 tiutempaj pur-oraj francaj uncoj).

La baza monunuo estis *Speso*: 1 *Spesmilo* (*Sm*) = 10 *Spescentoj* (*Sc*) = 100 *Spesdekoj* (*Sd*) = 1000 *Spesoj*.

La signo de la *Spesmilo* estas la monogramo de iu "S", majuskla kursiva, el kies vosto elvenas iu "m"; ofte realigata en la gazetaro per la du unuopaj literoj *Sm*; al tiu signo estis atribuita, ekde 2009, la Unicode-kodo U+20B7 S, kaj ĝi estas inkluzivita en la versio Unicode 5.2

La ĵus fondita Universala Esperanto-Asocio, kiu jam devis fronti la problemon kiel pagi etajn monsumojn (ekz. kongreskotizojn aŭ libroaĉetojn) pere de "respondkuponoj", apogis senrezerve la spesmilon: la mempagitaj poŝtkartoj uzataj inter ĝiaj membroj havis antaŭpresitan kadreton por la poŝtmarko, kun la indiko de la prezo de la afranko: *4 spesdekoj*.

Je tiu tempo (antaŭ la milito) la katalogoj de fakaj librejoj kaj la abonoj al revuoj havis la prezon en spesmiloj. La aliĝkotizoj por internaciaj esperantistaj eventoj estis pagataj per tiu mono, kaj dum la UKoj malgrandaj kaj grandaj elspezoj, eĉ fakturoj de restoracioj, estis pageblaj per la ĉekoj: la *Ĉekbanko Esperantista*, fondita en 1907 de Herbert F. Höveler (1859-1918), sub pseŭdonimo E. Ĉefeĉ, kun centra sidejo apud la londona Merton Abbey, kaj la korespondaj bankoj Bankhaus Gebruder Amholf (Dresdeno) kaj A. Saharov (Moskvo), enkondukis specon de *chèque postal* (la ĉeko, fakte), per kiu eblis transigi monon de sia konto al alies, kaj pagi per spesmiloj, (kiel atestate en Kökény/Bleier 1933, 2a vol.) estis *plej oportune kaj malkare*.[6] Sur ĉi tiuj ĉekoj oni povis legi la sloganon: *Unu mondo, unu lingvo, unu mono.*

Je la 30ª de aprilo 1914 la *Ĉekbanko* havis 730 kontojn en 320 urboj de 43 landoj. La unua mondmilito forte dampis

[5] R. de Saussure: *Projekto pri internacia monsistemo / Projet de monnaie auxiliaire internationale.* Genève (Aparta represaĵo en: *Internacia Scienca Revuo* jaro 4 n-ro 41 (1907), pp. 129-137).

[6] L. Kökény - V. Bleier: *Enciklopedio de Esperanto*. Literatura Mondo, Budapest 1933 [fotorepreso de 1986 zorge de Hungara Esperanto-Asocio]




la aktivadojn de la banko, kiu ĉesis operacii en 1918, pro la morto de Höveler. Por posta historio de la strebo al "universala mono" post la konkludo de la sperto de la *Ĉekbanko* kaj kun la escepto de la ege mallonga klopodo de la *Universala Spesmila Banko* (J. Van Hegel, kiu estis fondinta la Holandan Esperanto-Oficejon, la 15an de januaro 1927 klopodis restarigi la uzadon de la spesmiloj tra la Universala Spesmila Banko, kiu bankrotis post malmultaj monatoj) oni devas atendi la finon de la turmentoplena periodo de la dua mondmilito.

*Spesmilo* markis la evoluon de la zamenhofa idealo, kaj multaj estas la eldonoj aperintaj por honori kaj memorigi momentojn aparte signifoplenajn de nia historio, de tiu fandita el oro en 1912 por la 25a datreveno de la Unua Libro ĝis la *Esperanto 100 Steloj*, moneromedalo el arĝento, pregita en aŭgusto 2018 en mil ekzempleroj okaze de la 150-jara datreveno de la naskiĝo de René de Saussure.

Atestas pri kiom la spesmilo estis komuna socikultura havaĵo ĝenerale akceptita jam en la pionira epoko la fakto, ke inter la 2.659 proverboj en *Proverbaro Esperanta* de Zamenhof (1910) ses estas dediĉitaj al la mono (649, 652, 1.111, 1.839, 2.372 kaj 2.373).

La personeco de Saussure, kaj lia strebo al "unuformigo" (de la lingvo,[7] de la mono, de la kalendaro[8]), atestas pri la historia-kultura klimato de lia tempo, certe inda por esti rekonsiderata kaj valorigata, almenaŭ en la jubileo de lia naskiĝo,[9] por pli bone koni la radikojn de Esperantio kaj kompreni ĝian historion. ❀

**Karakterizaj elementoj por la tarifoj en la Esperanta Civito estas la referenco kaj la indicado al la valoro de la arĝentaj medaloj emisiitaj de la Civita "banko", kiuj jam de post la Tago de la Esperanta Kulturo 2009 estas utligeblaj kiel mono ene de la Pakto.**

**La indicado okazas laŭ la landostatistiko de la Monda Banko, bazita sur kvar kontingentoj. Tamen eblas esceptoj: ekzemple Bulgario kaj Rumanio situas en la tria, anstataŭ la dua kontingento. La indica proporcio estas 8:4:2:1; tio signifas ke, se por iu servo sviso pagas ok spesojn, por la sama servo meksikano pagas kvar, bulgaro du kaj togolandano unu.**

**La valoro de la speso estas fiksita je 90 svisaj frankoj. Ĝi varias laŭ la oscilado de la diversaj valutoj, sed ĝuste ĉar la referenco restas ĉiam la sama, ne necesas ŝanĝi la tarifojn aritmetike. Eblas tamen plivalorigo de la speso ĝenerale, lige kun la plivaloriĝo de arĝento: tiun plivalorigon decidas Fondumo Pro Esperanto.**

**La speso aŭtomate iĝis referenca por ĉiu servo ene de la Pakto: ekz. la Civitaj legitimiloj (validaj dek jarojn) kostas 0,40 spesojn en la kontingento 1; 0,20 en 2; 0,10 en 3 kaj 0,05 en 1. Centono de speso estas nomata "speseto".**

[7] R. de Saussure: *Unuformigo de la scienca terminaro / L'unification de la terminologie scientifique*, Congrès international de psychologie, Genève 3-7 août 1909.

[8] R. de Saussure: *Pri reformo de l' kalendaro*, en *Internacia Scienca Revuo* n-ro 7 (1910), pp. 198-200.

[9] Por bibliografio pri René de Saussure vidu ankaŭ H. Aellen (red.) *Schweizerisches Zeitgenossen-Lexikon / Lexique suisse des Contemporains / Lessico svizzero dei contemporanei*. Bern/Leipzig 1932.

*Literatura Foiro 295 - oktobro 2018* **297**

Kun permeso de la redakcio de L.F.

**R E T P O Ŝ T O**

## Reagoj kaj konversacioj

*12.01.2019   19:40*

*Kara amiko Jozefo,*

*Denove mi kontaktas vin por peti vian helpon kiel provleganton. Mi esperas ke vi konstatos, ke mi penis fari plejeble malmultajn erarojn. Post kelkaj kontroloj kompreneble restos ankoraŭ makuloj en ĉiu "kreaĵo", ĉu ne?*

*Ĉiel, kiel kutime, mi tutkore antaŭdankas vin kaj sendas samtempe bondezirojn al vi kaj al viaj gekaruloj!*

*Amike kaj numismate,*

*Bert*

16.01.2019   16:08

Kara Bert,

jen mi sendas nian revuon kun miaj sugestoj de plibonigo kaj korekto.

Mi deziras al vi novan forton por la tuta nova jaro por via utila kaj okulplezuriga laboro!

Amike: Jozefo Horvath

20.01.2019   19:40

Kara Bert,

estas ĉiam agrable vidi la pretan ENA anstataŭ la manuskripton. Kelkfoje mi pensas, legi nur la pretan prezentus pli grandan plezuron, tamen tiel estas bone.

Mi malĝojas, ke vi ne akceptis mian proponon esperantigi ekserguon en formo de 'eksergo' laŭ tre nombraj ekzemploj kaj modeloj.

Pluajn sukcesojn kaj bonan sanon por via laborado mi deziras!

Amike: Jozefo Horvath

*21.01.2019 11:33*

*Kara amiko,*

*mi komprenas vian malĝojon, ĉar via propono estas tute prava. Mi samtempe pardonpetas; mi intencis korekti, sed pro iu "fuŝkontakto" en mia cerbo mi forgesis viŝi la literon "u"! Nu, en la kompilita vortlisto ekde nun staros definitive la termino "eksergo".*

*Bert*

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

20.01.2019 18:10

Kara Bert,

Mi esperas ke vi ankaŭ presigas viajn revuojn je bona papero por gardi kaj protekti ilin en la plej gravaj Esperanto-bibliotekoj.

Sukceson amiko !

Jo Haazen

*21.01.2019 11:34*

*Kara Jo,*

*mi dankas pro via prizorgemo koncerne la konservadon de la revuo. Mi mem private bindigis la numerojn de la unua jarkvino. Krome, ĉiu numero estas perrete sendata al diversaj elstaraj esperantaj bibliotekoj kaj muzeoj. Mi evidente ne rajtas postuli bindigon, ĉu? Krome, certe ankaŭ kelkaj individuaj membroj surpaperigas partojn aŭ la tuton. Probable tiel la konservado estas en bonaj manoj, mi pensas.*

*Amike kaj numismate,*

*Bert*

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

20.01.2019 19:07

La legado vere okazis agrabla!

Grandan dankon Bert pro kvalita laboro!




Mi havas specimenon ricevita dum la Kongreso en Varsovio (1987) de Jugoslava amiko.

Li diris ke mem produktis ĝin.

Sukcesojn.

Amike,

Eŭheno Kovtonjuk

*21.01.2019 11:35*

*Saluton Eûheno!*

*Dankon pro via pozitiva komento. Via mesaĝo tuj atentigis min. Se mi bone komprenas, via jugoslava amiko estas la artisto-medalisto de la ora medaleto kiun vi posedas. Nomo, foto kaj prikarieraj informoj estas serĉataj de ENA por la rubriko "Medalistoj". Do, se eble, mi petas vin sendi plejeble multajn informojn pri li.*

*Antaŭdankon pro via kontribuaĵo!*

*Amike kaj numismate,*

*Bert*



20.01.2019 19:50

Saluton Bert,

En la paĝo 17 mi legas pri Rákóczi: "pri kiu la scienco tamen ĝis hodiaŭ ne trovis pruvon ke li iam vizitis Bad-Kissingen".

En 1694 li edziĝis kun Charlotte Amalia van Hessen-Wanfried. Tiu Wanfried (Hessen, Germanio) troviĝas ĉ. 60 km-ojn norde de Bad Kissingen. Pro tio laŭ mi ne estas tro malverŝajne ke li survoje inter Hungario kaj Wanfried ankaŭ traveturis Bad Kissingen'n. Sed mi nenie trovas informon pri restado tie.

Male, laŭ https://felvidek.ma/2015/06/rakoczi-unnepely-bajororszagban/

oni nomis tiun fonton laŭ Rákóczi, mi citas: "ĉar la hungara liberecbatalanto neniam eniris la banejon" (atentu la vorton "ĉar"!)

Amike,

Marc Vanden Bempt

*21.01.2019 11:36*

*Kara Marc,*

*Ege interesa konfirmo surbaze de konkreta fonto. Dankon!*
*Kiel Massa, ankaŭ Bad-Kissingen estis kuracostacio, do flanke de Esperanto, jen dua ligilo inter ambaŭ urboj. La du vizaĝoj sur la medalo estas sufiĉe samaspektaj; tre probable ne koncernas historiajn, sed alegoriajn personojn.*

*Bert*

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

20.01.2019 20:34

Kara Bert, dankon pro via lasta revuo! Mi konsilas al mia amiko Lee Jungkee, ke li kontaktu vin, por havi kontakton kun faka asocio, kiu funkcias.

Amike

Renato Corsetti

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

21.01.2019 0:47

Estimataj Bert kaj Renato,

Ankaŭ mi alte taksas kontribuon de s-ro Bert tra ENA.

Ni daŭre havu kontakton por plifortigi la kampon 'Numismatiko'.

Sincere via, Jungkee Lee

*21.01.2019 11:40*

*Karaj Jungkee kaj Renato,*

*Via aprezo de la ENA-fakprojekto koncerne la fakon "Numismatiko" (numismatikaĵojn kaj terminaron) vere estas por nia teamo instigo al senĉesa penado. Vian intencon daŭre havi kontakton por plifortigi nian kampon ni reciproke alte taksas.*

*Ĝis reskribo.*

*Amike kaj numismate,*

*Bert*

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

21.01.2019 11:23

Kara Bert,

Volonte mi ricevus vian artikolon en pdf kiun vi verkis por Sinjoro Jan Moens, redaktoro de la asocia Jarlibro de “Europees Genootschap voor Munt - en Penningkunde” (“Eŭropa Asocio pri Numismatika Scienco”), petis nian redaktoron verki por la Jarlibro 2018 nederlandlingvan artikolon pri esperanta numismatiko.

Dankon !

Naturamike,
Herman Deceuninck

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

21.01.2019 15:37

Kara s-ro Boon

Dankon pro la nova numero de la revuo, kiun mi unuspire tralegis.
Gratulon pro la daŭra kvalito kaj zorgoj!
Ni lastsemajne perdis la amikon Rudolf Burmeister, kiu dum 41 jarojn same zorgis pri nia organo "La Verda Lupeo", de ELF/AREK.
Bonan jaron al vi, kun persona prospero, sano kaj longdaŭra redaktado!

Amike,
James Piton
Brazilo

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

23.01.2019 14:45

Saluton, estimata s-ro Boon

Mi estas esperantisto kaj numismatikisto el Kazaĥio. Mi loĝas en suda parto de Kazaĥio, en urbo Ŝimkent.

Do, mi kun granda ĝojo ekkonis, ke ie ajn jam estas fondita la Numismatika Asocio por esperantistoj. Tial mi decidis skribi al Vi por membriĝi kaj havi eblecon ricevi la revuon.

En mia kolekto mi havas 1, 5, 10 kaj 25 steloj kaj mi volus trovi kaj aĉeti aliajn monunojn de E-movado, kaj ankaŭ monbiletojn.

Anticipe dankema al Vi,

Vjaĉeslav NASRETDINOV,

Ŝmkent, Kazaĥio

28.01.2019 14:36

Saluton s-ro Boon

Grandan dankon por Via letero kun la informo pri mia membreco en ENA.

Mi petas sendi al mi ĉiujn revuojn, menciitaj en Via propono.

Mi trovis la informon pri Vi kun Via retadreso en Vikipedio.

Ĉu mi povis inviti aliajn kazaĥiajn numismatikistojn al ENA?

Amike,

Vjaĉeslav Nasretdinov

Ŝimkent, Kazaĥio

28.01.2019 17:24

Grandan dankon, s-ro Boon por la senditaj jarkolektoj.

Multe da interesaj artikoloj mi trovas tie por legi dum sekvontaj semajnoj. :-)

Tio estas bonege, ke eĉ ne - esperantistoj el mia lando ankaŭ povas membriĝi. Nia Asocio de Kolektantoj de Ŝimkent estis fondita unu jaron antaŭe, tamen unuiĝas preskaŭ cent membroj el urbo Ŝimkent kaj ĉirkauaĵoj. Tial ni serĉas aliajn samideanojn-kolektantojn (numismatikistojn) ne nur en Kazaĥio kaj ankaŭ tutmonde por fari en proksima perspektivo komunan internacian ekspozicion. En Kazaĥio ankaŭ ni unuiĝis kun aliaj kolektantoj el ceteraj urboj kiel la organizo kiun oni nomas Ora Centanaro (kvankam ĝi nun havas pli ol 200 personojn). La Ora Centanaro havas sian ĉiumonatan propran revuon kaj grupon en WhatsApp.

Bedaŭrinde, tamen ĝise en Kazaĥio mankas iaj ajn esperantaj numismatikaĵoj. Ekzemple, mi volus proponi fari kelkajn ekzemplerojn de moneroj, dediĉitaj al evoluo de Esperanto en nia lando. Se Vi scias, tre konata muzika duopo, Ĵomart kaj Nataŝa, devenas de nia urbo kaj havis en Ŝimkent E-klubon dum sovetiaj tempoj. Kaj mi opinias, ke ni povus eternigi la fakton en ia medalo arĝenta aŭ eĉ ora.

Kvankam multe da interesaj moneroj ĉiujare oni produktas en la Nacia Kazaĥia Mento en urbo Ustj-Kamenogorsk. Krome, en decembro de la 2018a jaro nia Asocio kune kun la Nacia Banko de Kazaĥio faris kelkajn komunajn numismatikajn ekspoziciojn, dediĉitaj al nia nacia mono - tengeo kaj al la 25-jariĝo de Sendependeco de Kazaĥio kaj al la 20-jariĝo de Astano, ĉefurbo de Kazaĥio.

Amike kaj numismatike,

Vjaĉeslav NASRETDINOV

Ŝimkent, Kazaĥio



03.02.2019 22:16

Sur tiu paĝo
https://www.numisbids.com/n.php?search=contremarque&p=sale&sid=418
vi trovas ekzemple:




En la germana oni diras Kontermarke aŭ Gegenstempel.
https://de.wikipedia.org/wiki/Gegenstempel
Ĉu vi konas ekvivalentan esperantan esprimon?
Salutas Walter

*05.02.2019 10:03*

*Kara Walter!*

*Tre interese! Nu, por la esperanta termino multaj aliaj lingvoj montras la vojon: Gegenstempel / Kontermarke (germane); contremarque (france); countermark(angle)ktp. Do por Esperanto mia sugesto estas:* ***kontraŭmarko.*** *Pasintece potenculoj uzis kontraŭmarkon por ŝanĝi la valoron de monero aŭ por revalorigi la valuton. Nuntempe privatuloj(= komercistoj) uzas ĝin por "servi" kolektantojn. Tial la prezoj estas tiel freneze altaj.*

*Mi sendas mian respondon ankaŭ al nia provleganto kaj fakulo pri esperanta terminaro, Jozefo Horvath. Mi estas scivolema pri lia konsilo aŭ konsento. Pri tiu postmorta Maria Theresia-monero kun kontraŭmarko mi konas nek la historieton nek la klarigon.*

*Amike kaj numismatike,*

*Bert*

04.02.2019 11:15

Laŭ mi la sugestata kontraŭmarko estas bona termino.

Amike: Jozefo

04.02.2019 11:44

Karaj Józsefo kaj Bert!

Dankon pro via respondo.

Eble "kontraŭmarko" estas bona ideo. Sed ni povas ja plu pripensi.

Salutas Walter

Hodiaŭ estas premiero: Esperanto-Tablo en la "kafejo de la lingvoj" en Weltmuseum (Monda Muzeo, Vieno).
https://events.duolingo.com/vienna/



10.02.2019 18:22

Kara Bert!

La LKK ege interesiĝas pri via propono fari medalon por la Montreala UK. Ni atente legis viajn konsilojn kaj iom progresigis la projekton.

Sed ni treege volus havi viajn spertajn opiniojn pri kelkaj specifaj aferoj:

- Ĉu sufiĉas medalo el bronzo aŭ kupro, aŭ estus preferinde fari ĝin el arĝento?

- La monerfarejo sugestas medalon de 31mm diametro, Ĉu tiu taŭgas laŭ vi?

- Plej grave, laŭ vi, kiom da medaloj vendiĝus? Vi menciis 300-500. Ĉu tiu eblas eĉ se nur 1,000 partoprenos la UK-on en Montrealo?

- Ĉu necesas havi skatoleton? Tiu fakte aldonus 7 eŭrojn al la prezo. Aŭ ĉu estus preferinde vendi du versiojn, kun kaj sen skatoleto?

- Ni faris unuan malneton de la medalo (bv. vidi ĉi-sube). Kiel vi pensas pri ĝi? Ĉu vi havas sugestojn por plibeligi ĝin? (Fakte ni ankoraŭ ne ricevis kopirajtpermeson, do povas esti, ke ni iom ŝanĝu la desegnaĵon.)

Mi anticipe tre dankas vin por via konsilo.

Amike, salutas vin,

Garry(Kasisto, LKK de la 105-a UK)






*12.02.2019 20:58*

*Kara Garry!*

*Unue mi pardonpetas pro la prokrasto de mia reago, ĉar dum la pasinta semajno mi ne estis hejme, tamen bone uzis la libertempon por pripensi diversajn aspektojn de via projekto.*

*Laŭ unua impreso la aspektoj de ambaŭ flankoj ege plaĉas al mi, kaj pro la stilo kaj pro la riĉeco de bildoj kaj fragmentoj. Nur unu detalon mi konsilu iome ŝanĝi: tute malsupre, anstataŭ la grasan punkton mi metus la jaron 2020, kaj reverse, iom malpli grande ol la nunaj literoj: 1 – 8 A Ŭ G U S T O.*

*Pri la titro (la uzo de metaloj): bronzo aŭ kupro estus laŭ mi tro "modesta", ĉar via lando estos la unua nordamerika, preskaŭ tutamerika lando kun memormedalo okaze de UK en la propra lando. (Nur unu escepto- en Mezameriko- estas Kubo…)Do por la kanada E-movado estas ankaŭ prestiĝa projekto, kiu povus instigi aliajn landojn en la tuta kontinento. Usono ekzemple trifoje organizis la UK-n sen medalo, ankaŭ Vancouver (1984) ne uzis la okazon!*

*Pri la prezo: kiun oni proponis por bronza aŭ kupra objekto estas sufiĉe modera. Do, mi supozas, ke por arĝentita kupra aŭ bronza medalo la prezo estus konsentinda, depende de la eldonkvanto. Aldone mi kunsendas foton de tri medaloj. La eta bronza tipo (tre malnova UK-medalo kun diametro 30 mm) laŭ mi tute ne estus konsiderinda, nek pro la mezuroj, nek pro la aspekto. Unu el la arĝentkoloraj, tiu kun la papago, estas el arĝentita kupro kaj parte polurita. Laŭ mi ĝi estas belaspekta, sufiĉe prestiĝa kaj…ĉipa! La vendoprezo ĉe ni (ne inkluzive estas sendokostoj) estas nur 9,00 eŭrojn po! (Mi aĉetis 3 ekzemplerojn). Mi tamen ne scias pri ĝi la eldonkvanton. Tute depende de via buĝeto vi povus kompreneble ankaŭ decidi nur, aŭ krome, eldoni tutarĝentan (masivan) tipon. La aldonata bildo de (pag)medalo kun la nomo WALTER KLAG, kies eldonkvanto estas 1000(!) kostas ĉe ni 59 eŭrojn po, plus sendokostoj…Tamen ĝi laŭaspekte ne estas pli bela ol la "papaga", ĉu?*

*Pri la diametro: mi tute konsentas pri diametro de 38 mm, aktuale la pli ŝatata diametro (kiel ankaŭ ambaŭ la arĝentaj sur la foto).*

*Pri skatoleto: luksa skatoleto estas tro malĉipa proporcie al la tuta kosto. Ŝatata kaj sufiĉe ĉipa estas la kapsuloj faritaj el malmola plasto. Se vi tamen konsiderus donaci ekzempleron al iu eminentulo, preferinde estus tiuokaze evidente pli luksa skatoleto. Do,* **ĉiuj aliaj** *medaloj* **kun** *kapsulo.*

*Pri eldonkvanto: via takso de proksimume 1000 partoprenontoj en la UK estas probable realisma. En Seulo estis 1173 partoprenantoj kaj la eldonkvanto de la UK-medalo estis 300. Eble sufiĉos 200 por Montrealo. Dependos de via vendostrategio. Mi konsilus sufiĉe fruan reklamon per diversaj kanaloj (<u>ankaŭ al neesperantaj numismatoj, ĉefe en Kanado mem!)</u> kaj paperan/retan mendilon kaj devigan antaŭpagon ĝis, diru, tri monatoj antaŭ la 1a de aŭgusto. Tiel vi ricevus pli klaran perspektivon pri la definitiva eldonkvanto.*

*Rimarko 1:* ***mi jam antaŭmendas 2 (du) ekzemplerojn por mia kolekto, sendepende de la prezo****. Eble krome unu aŭ du por esperanta amiko. Ekde la prezofikso mi informos lin.*

*Rimarko 2:**mi pretas plejeble frue reklami plurfoje per la ENA-revuo** kaj informos aliajn revuojn kies retadreson mi posedas.*

*Rimarko 3: eblos vendi eventualan stoketon post la UK per la reta vendejo de i.a. UEA, Flandra Esperanto-Ligo k.a.*

*Rimarko 4: estus konsilinde kalkuli/ komputi kiom de ekzempleroj vi devus vendi por repagi la kostojn kaj tiel decidi pri la plejeble alta prezo po.*

*VIDU ANKAŬ: "Esperanta Numismatiko" jarkolekto 4, n-ro 4 p.36 + jarkolekto 5, n-ro 2 p.4*

*Amike kaj numismate,*

*Bert*

13.02.2019 23:08

Kara Bert,

Mi tre dankas vin pro viaj afablaj kaj detalaj konsiloj. Ege utilaj. Mi planas renkontiĝon kun la monerfarejo (kiu situas en Toronto) je la fino de tiu ĉi monato kaj viaj sugestoj tre utilos por miaj diskutoj kun ili.

Amike,

Garry

*13.02.2019 23:25*

*Kara Garry!*

*Tute ne dankinde! Estis tre agrabla tasko por mi.*

*Mi deziras fruktedonan renkontiĝon kaj sukcesan diskuton!*

*Amike kaj numismate,*

*Bert*

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

23.02.2019 20:28

Saluton, estimata sinjoro Bert!

Dankon pro via invito! Mi gratulas vin kaj la tutan esperantistaron okaze de naskiĝtago de la nova faka grupo ene de Esperantujo! Bona ideo, kiu denove konfirmas kulturan valorecon de

nia internacia lingvo.
Mi deziras plenan sukceson al Esperanto-Numismatika Asocio kaj esprimas esperon, ke ILEI kaj ENA iĝos amikoj kaj eventualaj partneroj en disvastigo de Esperanto kaj ĝia kulturo.
Mi mem ne ŝatas ion ajn kolekti, tamen plezure skribus pri ENA en unu el numeroj de JA - se vi konsentos, certe.
Amike kaj kunlaboreme, Elena Nadikova, estrarano de ILEI - Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj
С уважением, Елена Михайловна Надикова

*25.02.2019 16:56*

*Estimata kaj kara samideanino Elena!*

*Dankon pro via afabla letero kaj pardonpeton pro la prokrasto de mia respondo. Multan dankon krome pro viaj bondeziroj koncerne la estoncecon de ENA kaj pro via ideo pri kunlaboro kun ILEI. Se ILEI havus proponon ĉikoncerne, volonte…!*

*Nia prinumismatika asocio ne celas kunvenigi aŭ plezurigi kolektantojn. Nur eta minoritato de ENA estas kolektantoj de moneroj aŭ medaloj. Ni eldonas revuon por prezenti al ĉiuj interesuloj la belecon kaj la nekonatan abundon de tiaj objektoj kaj ilian valoron por la studo de la movada historio.*

*Ni certe ege konsentas rilate al via propono skribi en via revuo (ĉu vi havas sufiĉe da informoj?) pri nia nova fakgrupo kaj ĝiaj senkostaj membreco kaj revuo. Mi ŝatus eĉ ricevi la numeron kun via artikolo, kompreneble se eblus!*

*Mi deziras al vi sukceson kiel rubriksestr(in)o kaj salutas ne nur vin, sed ĉiujn aliajn samidean(in)ojn de "Betuleto" kaj la gelernantojn de la lernejo Shkola 56 (mi mem estis instruisto) kaj de Ĉeboksari !*

*Amike kaj numismate,*

*Bert (Belgio)*



*23.03.2019 10:58*

*Kara samideanino Paula!*

*Kiel progresas la organizo de la venonta UK? Mi esperas kaj deziras ke sukcese!*

*Evidente mi estas scivolema ĉu la LKK decidis jes aŭ ne eldoni propran medalon ? Se vi havus novaĵojn, mi povus heroldi ilin per nia revuo.*

*Mi deziras bonajn ideojn, kuraĝon kaj sukceson al ĉiuj kunlaborantoj. En nia aprila numero de "Esperanta numismatiko" ni anoncos pri la UK 2019!*

*Amike kaj numismate,*

*Mag. Bert Boon*
*Iniciatoro de Esperanto-Numismatika Asocio (ENA)*
*Finredaktoro de "Esperanta Numismatiko"*
*Fakdelegito pri numismatiko*

23.03.2019 11:52

Estimata,

Preparoj ja progresas kaj ankaŭ ni esperas pri sukcesa UK en Lahti!

Tamen, bedaŭrinde LKK devis rezigni pri eldono de propra medalo. Ni ne havas homajn aŭ financajn rimedojn organizi la eldonon.

Kun amikaj salutoj,

Paula Niinikorpi

*23.03.2019 18:09*

*Kara Paula,*

*Dankon pro via tuja reago. Mi bone komprenas la kialon. Domaĝe, sed mi esperas, ke vi eldonos kelkajn belajn filatelaĵojn, ĉar mi ankaŭ estas filatelisto!*

*Amike kaj numismate,*

*Bert*

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

# ANONCOJ
# &
# EVENTOJ

*Jubilea medalo: TEJO 80 jaroj*

| | | |
|---|---|---|
| **Kategorio** |  | dive |
| **Prezo** | | 7.50 €, sesona rabato ekde 3 ekz. |
| **Eldonloko, jaro** | | [Rotterdam], 2018 |
| **Eldoninto** | | **TEJO** |
| **Klarigoj** | | Medalo el zinko arĝente kovrita. En plasta skatoleto. Diametro: 4 cm. |

Demandoj: **libroservo@co.uea.org** Katalogo: **http://katalogo.uea.org**














Hejma telefono ..........................................................

Portebla telefono ..........................................................

Naskiĝdato .................. Naskiĝloko ..............................

Mi pagis la sumon de ........... € laŭ jena maniero:

❑ AET ❑ FEI ❑ UEA

(vidu la detalojn sube, maldekstre)

Dato ...................... Subskribo ..................................

**KOTIZOJ**

| Kategorio: | plena ° | rabatita * |
|---|---|---|
| 1ª periodo (ĝis la 31ª de januaro 2019) | 70,00 | 35,00 |
| 2ª periodo (ĝis la 31ª de majo 2019) | 90,00 | 45,00 |
| 3ª periodo (ĝis la 31ª de julio 2019) | 110,00 | 55,00 |
| 4ª periodo (surloke) | 120,00 | 60,00 |
| Taga Kotizo | 20,00 | 20,00 |

° Kategorio Plena: italo kaj italiano, se membro de IEF por 2019 (se nemembro, devas plupagi la koncernan membro-kotizon).

*Kategorio Rabatita: eksterlandano (neloĝanta en Italio), familiano de kongresano kaj mem membro de IEF, junulo (naskiĝinta ekde la 1ª de januaro 1989), handikapulo.

Infano ĝis 12-jaraj (naskiĝinta ekde la 1ª de januaro 2007) kaj nemalhavebla akompananto de handikapuloj aliĝas senpage.

## ORGANIZA KONGRESA KOMITATO

Konsistas el:

Michela Lipari

Edvige Tantin Ackermann

Elda Doerfler

Riccardo Lamperti

Kun la helpo de multaj aliaj kunlaborantoj

kongreso@esperanto.it

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

# Varbilo por ENA!

**Karaj membroj!**

**Bonvolu fojfoje dissendi la suban tekston al plejeble multaj gesamideanoj, kies retadreson vi konas. Nur tiel la nombro de ENA-anoj povos daŭre kreski. Via subteno estas bezonata! Ni anticipe dankegas vin!**

**Bert**

Kara samidean(in)o,

Pro la ĝis tiam kompleta manko de tia projekto, en 2013 estis fondita la probable ununura fakgrupo "Esperanto-Numismatika Asocio" (ENA) kun revuo "Esperanta Numismatiko" en la historio de Esperanto.

La instiga kialo estis la konstato, ke en Esperantujo la propra trezoro je moneroj kaj medaloj estas apenaŭ konata, eĉ ne en la vasta rondo de kolektantoj. Kaj tiuj, kiuj scias, ke vere ekzistas tiaj belaĵoj, supozas, ke ili estas kvante kaj kvalite tute malgravaj. Tial, unu el la ĉefaj celoj de la nova fakgrupo estas montri al la esperantistoj kaj al la cetera mondo, ke esperantaj numismatikaĵoj estas kolektindaj kaj nepre pristudendaj artefaktoj. Kroma celo estas plejeble baldaŭ kompili kaj eldoni katalogon kaj enciklopedian terminaron.

La membro-kvanto de ENA kreskis dum iom pli ol kvin jaroj ĝis 114 individuaj membroj kaj 20 esperantaj (kaj eĉ neesperantaj!) organizaĵoj, bibliotekoj, muzeoj kaj universitatoj, dise en la mondo.

Agrable kaj demokrate estas sendube, ke la asocio ne havas estraron, do ankaŭ ne kasiston!

Tial oni rajtas SENPAGE aliĝi (sufiĉas respondi: "Mi konsentas aliĝi"). Krome la *NUR PERRETA* revuo estas ankaŭ tute SENKOSTA! Kaj tio neniam ŝanĝiĝos!

Post aliĝo, vi nur LAŬPETE tuj ricevos perrete ankaŭ ĉiujn jam aperintajn. SENPETE sekve ĉiujn aperontajn numerojn. (4 n-rojn jare).

Nian anoncon vi trovos ankaŭ en la Jarlibro de UEA 2018 sur p. 66-67. Se vi dezirus pliajn informojn, ne hezitu kontakti nin tiel: bert.boon@skynet.be!

Vi krome rajtas unue peti provnumeron!

Kun numismataj kaj samideanaj salutoj,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA, ĉefredaktoro de "Esperanta Numismatiko"